# INTERNACIA



# ĴURNALISTO

JARO XX, julio-aŭg. 1981

N-ro 3

Organo de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)


## LA E-ĴURNALISMO KAJ LA JUNULARO

Estas bone konata la fakto, ke la ĵurnalistoj-esperantistoj estas avangarda parto de la movado, pleje informita pri la specifoj de la historio de la movado, la esenco de la lingvo kaj laŭ sia socia rolo kreanta la sociopinion. Por la E-movado la laboro de la ĵurnalistoj estas aparte grava, ĉar E-movado havas en sia bazo la lingvon kaj la lingvo estas fundamento de ĉiugenra kulturo, kaj speciale la literaturo. La E-ĵurnalismo estas literatura formo de partopreno en la elemento de la E-movado. En la E-ĵurnalismo laboris, komencante de la naskiĝetapo mem de tiu socifenomeno plej elstaraj adeptoj. Ili ĉiam klopodis pri la E-preso kaj partoprenis ĵurnaliste en ĝia vivo. Do, ĉu estante profesie nacilingvaj, ĉu estante nur E-ĵurnalistoj, ili sindone kontribuis la E-ĵurnalismon.

Se preni la movadon de la fonta jaro 1887 kaj konsideri ĉiun grupon de E-ĵurnalistoj, venantan dum 20-jara periodo - unu generacio, ni povas prezenti al ni tian bildon de generaciŝanĝoj: Unua 1887 - 1907, Dua 1907 - 1927, Tria 1927 - 1947, Kvara 1947 - 1967, Kvina 1967 - 1987. Ĉiu generacio enportis sian kontribuon al la movado.

La unua generacio prenis sur sian dorson "la bebo- kaj infanflegan" funkcion de la lingvo.

La dua generacio, forta kaj sana, elportis sur siaj ŝultroj "la infan-malsanon" de Ido-krizo, kaj eltenis grandan skuon, kaŭzitan de la Unua Mondmilito, kiu ĉesigis la perceptatan vivon de la movado por kvar jaroj, spertis kruelajn perdoj de la adeptoj, forpason de L.Zamenhof kaj partoprenis en transformoj, inspiritaj de Oktobra-ŝtormo.

La tria generacio, de kiu nun restis nur kelkaj unuopaj veteranoj, solvis multajn problemojn de la movado respondece, kuraĝe kaj intelekte, rezulte de kio plifirmiĝis la movado, altiĝis ĝia nivelo kaj aŭtoritato. Inter tiu generacio estis multaj eminentaj sciencistoj, poetoj, verkistoj, aktoroj, pedagogoj; naskiĝis la Ĉe-metodo, teoriaj kaj historiaj studoj, vasta preso, teatroj, unua en la historio beletra revuo, amaspartoprenaj UK-oj. Kaj ĝi travivis la plej fajran kaj ruinigan etapon de la Dua Mondmilito. Sed kune kun la Kvara generacio (kiu pro cetraj kaŭzoj ne estis tro multnombra) sindone laboris por renesanco de la postmilita E-movado.

Ĉiu generacio venis juna kaj plena de fortoj kaj helaj streboj, sed la tempo por ĉiu estas senkompata kaj senindulga. Sekvis maljunuĝo kaj foriro de la scenejo, kaj cedo de loko al la nova - juna generacio. Nun pasas intensa kaj vastspalira enveno de la kvina generacio, aktiva, kun altnivelaj aspiroj kaj vastaj perspektivoj. Tiel enplektiĝas en la evolurubandon novaj fibroj. Same oni povas atendi kaj diri, ke la kvina generacio portas kun si novajn ideojn por malkovri novajn vojojn, novajn sferojn, novajn metodojn de IL-uzo kaj novajn eblecojn de evoluo.

Sed ĝi venas en gravan kaj komplikan periodon. De unu flanko proksimiĝas 100-jara jubileo de E kaj pasas senprecedenca vasta alfluo de novicaro. De la alia, nia tempo estas sentrankvila. En ĝi pliakriĝis la lukto inter pacdefendo kaj kontraŭpacaj atakoj. La E-movado ĉiam senrezerve staras ĉe la adhero de la pacdefendo. La fortoj de la paco universale firmiĝas kaj potenciĝas kun ĉiu horo. Sed la kontraŭpaca ofensivo kaj atakoj ankaŭ estas ekzercataj de certa potenca tavoleto. Ĉio ĉi metas antaŭ la E-ĵurnalismon malsimplajn taskojn. Kaj oni kvazaŭ penas deŝovi la kurtenon de la tempo por ĵeti rigardon estonten.

Kion oni povas atendi de la nova generacio? Kion ĝi sukcesos fari? Kiuj urĝaj taskoj staros antaŭ ĝi?

Sed por provi skizi la esencon de la problemoj, konfrontotaj de la kvina generacio, necesas enpenetri en la estonton prognozi, kvazaŭ kunvojaĝi aŭ kunmarŝi kun la generacio en la land-

on de la futuro. Ĉiuokaze por decidi pri eventualaj agoj necesas ekmajstri la spiriton. Tian prognozon oni povas fari pere de sia speca "teorio de analogio", kaj "teorio de probablo" (pure sociologiaj). En la matematiko oni tion nomus ekstrapolacio de evolulinio; ni provos tion fari, bazante nin sur starigo de eksteraj kondiĉoj kaj tendencoj de la nuntempo, specifojn de la medio kaj interna logiko de la movado.

La ĉefan tezon ni prenu, ke la ideo de paca kunekzistado inter ŝtatoj (eĉ de malsamaj socisistemoj) iĝos natura stato de la homaro (sendepende de la formo, per kiu la homaro forigos la minacantan apokalipsan danĝeron de nuklea sinmortigo). Sed ĉiuokaze por atingi tion la avangardaj homoj devos sinforgese batali kaj agi. Kaj en tio siluetiĝas la ĉefa tasko de ĉiu E-jurnalisto - li devas esti arda pacbatalanto. Per si mem, sen batalo, la triumfo de la paco ne venos.

Kaj kion montras la objektiva paso de la eventoj? E organike eniras la porpacan movadon. E-kaŭzo jam okupas senteblan lokon en la laboroj de l'Mondpaca Konsilio. Ĉiam pli kaj pli firmiĝas la revuo "Paco" kaj vastiĝas la agado de MEM. Vere eksplodan kreskon de IL-adeptaro montras la orienteŭropaj landoj. Grandan kreskon spertas la aziaj kaj latinamerikaj landoj, kaj tre malgrandan kreskon oni observas en USONO. Tio konstatiĝas per seriozaj kaj ampleksaj orienteŭropaj revuoj, rekorde multnombraj orienteŭropaj UK-oj, multmembraj asocioj (BEA, HEA, ĈEA+AESSR, PEA, EAGDR, JEL, ASE). Plej grandan kontribuon al la pacmovado kaj la scien-teknika evoluo de la E-kaŭzo faris ĝis nun la samaj asocioj. Kio koncernas la beletron (juĝante laŭ la librostoko de UEA) oni povas konkludi, ke la kontribuo de Okcidento kaj Oriento estas egalaj. Multaj beletraj konkursoj estas aranĝataj en la okcidentaj landoj kaj ekzemple la konkurso "LIRO 80" (Ĉelabinsko, USSR) altiris 108 partoprenantojn. Jam okazas UK-oj en Azio kaj Latinameriko. Tre multnombra movado kreiĝis en Irano.

La venanta al potenco junularo pli vaste kaj profunde komprenas la sciencan kaj sciencistan signifon de la E-kaŭzo. Ĝi distingiĝas per pli realisma, pli aplika rilato al ĉiuj trezoroj de la scienco. Sekve kun la nova generacio de la E-ĵurnalismo v-

enos nova spirito, kiun oni povas resume karakterizi tiel: pli da avangardisma kuraĝo en la praktika apliko, pli da entreprenemo - malpli da ekzalta entuziasmo, pli da konkreta reala faro kaj utilo. Certe la junularo (kiel ĝenerale la juneco) estas pli postulema, pli senpacienca, pli senkompromisa, pli rekte pensanta (sur la bazo de pli rigora logiko: la blanko estas blanka, la nigro estas nigra). Do, ĝi donos novan fortan impulson al la E - kaùzo. Feliĉa trajto de la E-kaùzo: inter la junularo kaj la veteranoj estas spirita ligo, ilin unuigas la sama ĉeno de menso kaj faro, iniciato kaj plenumo, ideo kaj sukceso, servantaj al la bono kaj la prospero de la movado. Ja la novaj sukcesoj povas baziĝi nur sur la malnovaj, formante unu kontinuan nedisŝireblan strion de evoluo.

La juno donos novan enhavon kaj solvon al malnovaj problemoj kaj kunpuŝiĝos kun novaj problemoj por lasi ilin al la sekva generacio. Tiel oni povas atendi realigon de la iniciatoj de la malnova generacio: en la sfero de la scienco kreon de la E-Akademio de Sciencoj (naturaj), kaj en la sfero de la beletro - starigon de federacio de E-beletraj organizoj. Tio kreos novan regrupiĝon kaj koncentriĝon de fortoj kaj novajn eblecojn por gravaj plenumoj.

La ŝanĝo de la vojmontriloj pasos en certaj sociekonomiaj kaj histori-politikaj kondiĉoj. La ĉefa inter ili estos kvanta kresko de la IL-adeptaro en la socialismaj landoj kaj en la evoluantaj landoj, kio estonte devos transiri en novan kvaliton sur pli alta nivelo. Sed dume kondiĉos provizoran malaltiĝon de la ĝenerala nivelo.

Flamiĝi per tiuj fajroj, per kiuj ardis la veteranoj, la juna generacio ne povos. Estas alia epoko, kreskas sciencaj fortoj; kaj la scienco helpos akiri novan nivelon, ja "nenio estas pli praktika ol la bona teorio!"

(Sekvas la daùrigo)

N.F.Danovskij, Riga

I V A N F R A N K O 125-JARA

Ŝajnas, ke antaŭnelonge la soveta popolo kaj la tuta progresema homaro solene celebris laŭ decido de UNESKO la 110-an datrevenon de la naskiĝo kaj 50 jarojn post la morto de la granda ukraina poeto Ivan Franko. Sed jen nerimarkeble pasis ankoraŭ dek kvin jaroj kaj en 1981 ni notas jam la 125-an datrevenon de tiu vere eksterordinare naturdotita spirita koloso.

Ivan Franko, la fiero kaj gloro de la ukraina kulturo, famiĝis en la historio de la tutmonda literaturo kiel genia verkisto kaj tradukisto, granda humanisto-revoluciulo kaj elstara aganto de liberiga movado. "Titano de la penso kaj laboro" plenrajte nomas lin la esploristoj. Kaj la popolo celtrafe nomis lin "la Granda Ŝtonhakisto".

La literatura heredaĵo de la granda verkisto, laste presita en la eldonejo de Ukraina Scienca Akademio, konsistas el 50 volumoj. Kaj tio estas nur la duono de ĉiuj verkoj, postlasitaj de Ivan Franko. Kaj ni ne forgesu en kiaj penige-malfacilegaj cirkonstancoj li devis labori!

Ne ekzistas fakte iu literatura ĝenro, en kiu ne kreadis Franko. Li verkis rakontojn, novelojn, romanojn, fabelojn por infanoj kaj por plenkreskuloj, komediojn, dramojn kaj dram-poemojn, librojn de poeziaĵoj - delikate lirikaj kaj satiraj, publicistaj, kreis multajn volumojn de kritikaj, scienc-esploraj kaj etnografiaj studoj, laboris ankaŭ kiel ĵurnalisto, redaktoro, eldonanto.

Krom tio Ivan Franko tre multe kaj brilege tradukis. Dum tuta sia vivo li tradukadis el antikvaj literaturoj. El eŭropaj literaturoj Franko pleje tradukis la germanajn aŭtorojn, sed ankaŭ el la angla literaturo, el itala, franca, hispana kaj portugala. Kaj tre entuziasme li popularigis enkaŭ inter sia popolo la verkojn de la progresemaj slavaj aŭtoroj - rusaj, polaj, ĉehaj. En tiu ĉi sfero de literaturagado mi povas kompari nian karmemoran grandan E-majstron K.Kalocsay, kun sia "Tutmonda Sonoro"... kun la granda Franko.

Ivan Franko naskiĝis la 26-an de aŭgusto 1856 en la familio de simpla vilaĝa forĝisto de v. Nahujeviĉi (okcidenta Ukraino), lernis en t.n. normala lernejo, poste en la gimnazio de la apuda urbo Drohobiĉ. En 1875 li fariĝis studento de filozofia fakultato en Lvova Universitato kaj tuj enprofundiĝis en la vorticon de la socia vivo. "Nur batali signifas vivi" - skribis Franko, kaj tio iĝis lia devizo dum la tuta vivo. Trifoje oni malliberigis lin. La alta genia ukraina poetino Lesja Ukrainka ne vane diris, ke la versaĵoj de Ivan Franko ŝajnas al ŝi ruĝaj - ili kvazaŭ sangumis el la koro de l'poeto-batalanto.

La severa sorto neniam dorlotis la verkiston. Precipe la lasta jardeko de lia vivo prezentis senĉesan ĉenon de malfeliĉoj kaj suferoj. Grava nerva malsano paralizis liajn manojn. Tamen Franko persiste laboregis plu, diktante al sia filo la versaĵojn, prozverkojn, tradukojn, sciencajn kaj kritikajn studojn. Aŭtune de 1915 li estis hospitaligita. Sed eĉ en la malsanulejo la verkisto ne ĉesis la krean laboron por pliriĉigo de la ukraina kulturo.

Jen rimarkinda fakto: aŭtune de 1915 la eminenta aŭstra sciencisto profesoro J.Zastirec turnis sin al la sveda Akademio kun propono pri aljuĝo de Nobel-premio al Franko: "Ĉi tiu granda poeto kaj verkisto, granda gvidanto de sia popolo, internacia geniulo plene meritas tion." Tamen Franko mortis en majo 1916, ne ĝisvivinte la atribuon de la Nobela premio..

La granda Ŝtonhakisto Ivan Franko postlasis al ni mirindajn superebla jn modelojn de la intima liriko kaj profundajn filozofiajn meditojn de politika liriko kaj satiro. La fortegaj marŝaj akordoj de "L'Eterna Revoluciulo" ne malagordiĝis kun la susuro de la velkintaj folioj kaj tiuj melankoliaj notoj, kiuj iufoje sonas en iliaj poeziaĵoj.

Jam 65 jaroj pasis post la morto de la granda poeto, sed liaj verkoj tute ne malaktualiĝis ĝis hodiaŭ kaj ili neniam forfloros.

En niaj tagoj super la tombo de la poeto en Lvovo altiĝas la

simbola figuro de la ŝtonhakisto kun la martelo en la manoj, personigante la senĉesan titanan laboron de la poeto, kiu vere, ne metafore ĉiujn fortojn - ĝis la lasta spiro - fordonis al sia popolo, al la batalo por ĝia feliĉa estonteco, por la nova, justa kaj libera mondo. Kaj la popolo ne forgesis sian genian noblan filon kaj poreterne konservos en sia koro la dankeman, respektoplenan memoron pri li...

Nadia Andrianova, Kiev.

IVAN FRANKO

*

(Fragmento)

Se surstrate min renkontas,
tuj min preteiras vi.
Tute saĝe kunan vojon
fat' ne donis ja al ni.
Mi maldekstren kaj vi - dekstren
iros ni ne man-en-mano.
Renkontiĝos plu neniam
gutoj du en oceano.

Epilogo

Forflugu kun vent', folietoj velkintaj,
for - kiel senbrua plorĝemo.
La vundo ovrita+), ĉagren' ne ĉesinta,
amoro en kor' - kiel gemo.
Ho, kiu rekonos en sekaj folioj
la ĉarmon de l' verda arbaro?
Kaj kiu divenos la korajn trezorojn
en mia mizera versaro?
Trezorojn plej bonajn de l' koro juneca
malŝparis mi, stulta revulo.
Renkonten al fat', almozulo soleca,
mi iros kun tristaj okuloj...

El la ukraina
Nadia Andrianova, Kiev

+) ovri = malfermi (PIV)

# EL LA HISTORIO DE LA INTERNACIA ĴURNALISTA MOVADO.

Post la Unua Mondmilito la rolo de la ĵurnalistoj de jaro al jaro pligraviĝis. Post interparolo kaj interkonsento de ĵurnalistoj el kelkaj landoj en 1926, en Parizo, Francio, estis fondita la unua internacia ĵurnalista organizaĵo - la Federacio internacia de ĵurnalistoj (FIĴ). Ĝi havis limigitan nombron de membroj-ĵurnalistoj el la evoluintaj landoj. Tiu ĉi internacia ĵurnalista organizaĵo eklaboris por la defendo de la libereco kaj la digno de la ĵurnalistoj, kontraù la fatala influo de la mono, de la komercigo kaj la koncentrigo de la gazetaro.

La Dua Mondmilito ĉesigis la aktivecon de la organizaĵo.



En Londono, en 1941 fondiĝis la Federacio internacia de ĵurnalistoj el la aliancaj aù liberaj landoj (angle: International Federation of Jurnalists or Free Countries - IFJAFC) Ĝi batalis kontraù la incita propagando de la agreso. Ĝia plej grava celo estis fini unufoje por ĉiam la renovigon de la faŝismo, batali kontraù la sociala diskriminacio, kontraù la milito.



Ekde la 3-a ĝis la 8-a de junio 1946, en Kopenhago, Danlando, okazis la fonda kongreso de la nova internacia organizaĵo de ĵurnalistoj (IOĴ) laù decido de delegitoj el 21 landoj. Antaù tiu evento FIJ (IFJAFC) memvole ĉesigis sian ekzistadon. Alia internacia ĵurnalista organizaĵo ne ekzistis tiam.



De la 3-a ĝis la 7-a de junio 1946 en Prago okazis la Dua kongreso de IOĴ en ĉeesto de 208 delegitoj kaj gastoj el 28 landoj. Tiam oni konfirmis la definitivan statuton de IOĴ kaj decidis , ke la ĝenerala sekretario de la organizaĵo transiru el Londono en Pragon. La nordamerika ĵurnalista organizaĵo kontraùstaris tiun ĉi rezidejŝanĝon, sed obeis al la decido de la plimulto.

(Sekvas)

LA BULGARA GAZETARO KAJ ESPERANTO EN 1980

La bulgara gazetaro ĝenerale tre favore rilatas al la agado de la bulgaraj esperantistoj kaj la eventoj, ligitaj kun la Internacia Lingvo. Kutime la Informa Servo de BEA registras pli ol 100 priesperantajn materialojn jare, aperintajn en la centraj kaj lokaj ĵurnaloj kaj gazetoj. Tiuj ciferoj estas sufiĉe redu-ktitaj pro tio, ke ne ĉiuj lokaj aktivuloj informas la asocion.

La jaro 1980 estis kontentige rezulta tiurilate. Entute 47 periodaĵoj publikigis 142 materialojn priesperantajn. El tiuj 47 periodaĵoj 5 estis centraj ĉiutagaj ĵurnaloj kun 18 materialoj, 6 centraj semajnaj gazetoj - 7 materialoj, 4 solidaj monataj revuoj - 5, 15 distriktaj ĵurnaloj - 78, 16 urbaj ĵurnaloj - 33, 1 uzina ĵurnalo - 1. Ni firme kredas, ke al ni ne estis senditaj informoj pri minimume 50 publikaĵoj.

Tiuj tedaj statistikaj ciferoj malkovras riĉan enhavon. En la paragrafo "Centraj ĉiutagaj ĵurnaloj" la plej disvastigita kaj influa (kun 850 mil ekz.) estas la ĵurnalo "Rabotniĉesko delo" kun 8 materialoj (el ili 3 ampleksaj artikoloj). Ĉi tie estas la dua laŭ influsignifo ĵurnalo "Oteĉestven front", la centra junulara ĵurnalo "Narodna mladeĵ". En la paragrafo "Centraj semajnaj gazetoj" troviĝas "Literaturen front", eldono de la bulgaraj verkistoj, "Narodna kultura", eldono de la Komitato pri Kulturo, la tre populara eldono de la Asocio de la bulgaraj ĵurnalistoj "Pogled" (200 mil ekz.), la sindikataj organoj "Zdraven front" kaj "Transporten glas". La monataj revuoj - la eldonaĵoj de la bulgaraj verkistoj "Septemvri" kaj "Plamâk", la vaste disvastigita porfamilia eldonaĵo "Oteĉestvo" (150 mil ekz.). El 27 distriktaj ĵurnaloj 15 aperigis priesperantajn materialojn, kelkaj el ili tre abundaj: "Oteĉestven Glas" - Plovdiv - 21, "Zarja na Komunizma" - Loveĉ - 14, "Oteĉestven Zov" - Vraca - 10, "Ŝumenska Zarja" - Ŝumen - 7.

Menciinde estas, ke konsiderinda kvanto da publikaĵoj apartenas al la plumoj de neesperantistoj - redakciaj korespondantoj aŭ kunlaborantoj, informoj de la oficiala Bulgara Telegrafa Age-

ntejo (BTA). Ni kalkulis, ke 23 periodaĵoj aperigis 32 erojn de aùtoroj neesperantistoj kaj aliaj 3 periodaĵoj uzis 6 foje la bultenojn de BTA.

Niaj ĵurnalistoj-esperantistoj (TEĴA-anoj) tre klopodis dum la jaro. Pleje elstaris la profesiaj ĵurnalistoj Kr.Sofroniev el Plovdiv (15 eroj), Coĉo Kolarov el Loveĉ (9 eroj), Dimo Trudoljubov el Jambol (5 eroj), la amatoraj ĵurnalistoj Cvjatko Todorov el Ŝumen (7 eroj), Bojĉo Mladenov el Vraca (7 eroj). Valorajn artikolojn en gravaj periodaĵoj aperigis N.Aleksiev kaj N.Kjuĉukov.

Ĝustajn informojn pri dissendoj per la radio kaj la televido de bulgarlingvaj priesperantaj materialoj ni ne akiris. Ni scias pri proksimume 30 elsendoj pere de Radio Sofia kaj la regionaj (komunumaj) radiodissendejoj estas pli ol 100. La Bulgara Televido informis per bildoj aù tekstoj pli ol 10 foje.

La lastajn kelkajn monatojn de 1981 ankaù promesas bonan rikolton.

Kr.Karucin
Gvidanto de Informa Servo de BEA

Odo al ĵurnalisto

Al k-do Ivan Keremidĉiev
okaze de lia 70-jariĝo

La radaro
de l' homaro
ĵurnalisto estas -
li muzikas,
mozaikas
pri l' soci-tempestoj.
Li, sur monto -
klara fonto,
al ĝardenoj fluas -
akvofalo
al centralo,
li - salt-muĝe bruas.

Li - elektro
kvazaù spektro -
helas domoj buntaj
kaj arbare
ofte faras
segon de l' fi-trunkoj.
Per sputnikaj
komunikoj
li - herold' de l' vero:
rul-destino -
presmaŝino,
gazetar-rivero...

Televide li - radaro
tuj-rapide de l' homaro,
bildon li prezentas - ĵurnalisto estas.

Canko Murgin

## NOVAĴOJ EL U N E S K O

### INSTRUPROGRAMOJ EN LA AMASINFORMILOJ

Multaj organizoj, inter kiuj ankaŭ UNESKO, turnas ĉiam pli grandan atenton al kreo de komuna formulo rilate la instruprogramojn en la amasinformiloj por lernantoj. La celo estas: helpi al la lernantoj kompreni la diversajn metodojn de informado en la hodiaŭa socio kaj fari kritikan uzadon de ili. Lige kun tio estas konvene analizi la rolon de la amasinformiloj rilate edukon kontraŭ la vetarmado, ties rolon en la batalo por malarmado.

### LA POLITIKO DE LA KOMUNIKADO

La idealoj de la internacia komunikado estas formulitaj en la Ĉarto de UNESKO, kiu substrekas la bezonon de pli bona kaj pli profunda konatiĝo inter la homoj. Por povi krei klimaton de konfido kaj malarmado la informorganoj devas disvastigi informojn bazitajn sur la vero. Jen idealo, kiu devas priservi la kreon de nova internacia ordo, kapabla - laŭ la vortoj de iu plej freŝdata deklaro de UNESKO -"establi novan ekvilibron kaj pli bonan reciprokecon en la cirkulado de informado kaj forigi la neegalecon en la cirkulado de informado, destinita por aŭ eliranta el la evoluantaj landoj, kiel ankaŭ inter tiuj landoj" kaj "kontribui efike por la plifortigo de la paco kaj de la internacia interkompreniĝo, kiel ankaŭ por starigi novan pli justan internacian ekonomikan ordon".

Unu el la metodoj por plialtigo de la kvalito de l'informado rilate la malarmadon en la amasinformiloj prezentas la plibonigo de la ĝeneralaj laborkondiĉoj en la sendependaj sciencesploraj institutoj pri paco, de la informcentroj pri la malarmado, kiel ankaŭ de la pacmovadoj. Ties funkciado estas necesa ĝenerale por la eduko en spirito favora al la malarmado kaj speciale - por la amasinformiloj kaj aktivecoj de UNESKO. Pro tio oni rekomendas

la plifortigon de la esploroj pri la paco kaj la informservoj en ĉiuj landoj, por certigi al la amasinformiloj fonton de informoj rilate la vetarmadon, la malarmadon kaj la sekurecon.

EŬROPA UNESKO-KONFERENCO RILATE AMASINFORMILOJN

La Oka regiona konferenco de la eŭropaj UNESKO-komisionoj,kiuj kolektiĝas kutime unufoje en kvar jaroj, okazis ĉi jare en Madrido. Ĉeestis delegitoj el tridek eŭropaj landoj kaj observantoj el multaj landoj de Azio, Afriko kaj Latinameriko.

La konferenco traktis la aktivecojn dum 1980 kaj diversajn problemojn lige kun la eŭropa kunlaborado.

Tre gravan lokon okupis la diskutado pri la evoluado kaj plifortigo de la kunlaborado de la amasinformiloj, kiuj ludas tre gravan rolon en la proceso de malstreĉiĝo en la spirito de la konata Deklaro de UNESKO pri fundamentaj principoj de kontribuado de la amasinformiloj por konservo de la paco kaj de la internacia kunlaborado, defendo de la homaj rajtoj kaj kontraŭ la rasismo, rasapartigo kaj militprovokado.

EL LA VIVO DE LA ĴURNALISTOJ

Senprecedenca evento

Periodaĵoj el la tuta mondo - al batalo por Nikaragvo.


Periodistas del mundo al combate por Nicaragua

El Periodismo Internacional Unido en la Defensa de la Revolución Sandinista

Tiel estis kvalifikita la internacia kunveno de ĵurnalistoj, okazinta fine de aprilo j.k. en Nikaragvo, ĉar simila asembleo okazis unuafoje en la vivo de la latinamerika ĵurnalismo. Temas ne nur pri la reprezenta flanko de tiu asembleo, sed ankaŭ pri la temo, kiu kolektis tiom multe da elstaraj ĵurnalistoj. Kiel sciate, Nikaragvo estas viktimo de politika kaj ekonomika atako fare de usona imperiismo kaj milita agreso fare de Honduraso.

La monda solidarec-asembleo helpos al la popolo de Nikaragvo daŭrigi sian batalon por konservi la nacian suverecon.

## IOĴ en Koreio kaj Japanio

Delegacio de IOĴ, sub la gvido de la vicprezidanto s-ro Gérard Gatinot faris viziton al la ĵurnalistaj unuiĝoj, membrantaj al IOĴ, en la landoj de Ekstrema Oriento: Popola Respubliko Koreio kaj Japanio.

En la ĉefurbo de KPR Phenjan la delegacio estis akceptita de la prezidanto de Korea Ĵurnalista Asocio kaj vicprezidanto de IOĴ s-ro Kim Qi Nam. En longa konversacio estis priparolita la ĝenerala kunlaborado inter ambaŭ ĵurnalistaj asocioj kaj pli speciale - la devo de la ĵurnalistoj en la amasinformiloj subteni la batalon de la korea popolo pri paca reunuiĝo de la du partoj de Koreio - Suda kaj Norda.

En Japanio la delegacio de IOĴ havis multajn renkontojn kun reprezentantoj de Japana Ĵurnalista Asocio. Estis pridiskutita la temo pri konkretaj formoj de kunlaborado inter la japanaj ĵurnalistoj kaj IOĴ. Tiu unua vizito de oficiala delegacio de IOĴ al Japanio havas grandan signifon por la interkompreniĝo kaj kunlaborado de IOĴ kaj la japanaj progresemaj ĵurnalistoj, deklaris s-ro Shiro Suzuki, gvidanto de la Japana Ĵurnalista Kongreso.

## F.I.A.P. - Tria provo splitigi la latinamerikajn ĵurnalistojn

Jam trian fojon estis atakita la unueco de la latinamerikaj ĵurnalistoj, organizitaj en FELAP, fondita en 1976 en Meksiko kaj estiĝinta vere reprezenta organizo de la landaj ĵurnalistaj asocioj de Latinameriko kaj Kariba regiono.

Sed ankaŭ tiu provo estas destinita fiaski: la ĝenerala sekretario de la novefondita FIAP, iu Ĵusto Chávez, estis eksigita el sia sindikato kiel perfidulo de la interesoj de siaj kolegoj kaj agento en servo de sia ĉefo.

## Seminario en Varna

En Varna okazis ĵurnalista seminario pri la batalo de la amasinformiloj kontraŭ la uzo de alkoholaĵoj fare de ŝoforoj, kiu rezultigas grandan procenton de la akcidentoj.

Partoprenis reprezentantoj de la ĵurnalistaj asocioj el Hun-

gario, Pollando, GDR, Rumanio, Ĉehoslovakio, USSR kaj Bulgario. La reprezentanto de la bulgara Interpresklubo A.Koĵuharov informis kiamaniere la amasinformiloj en Bulgario helpas la solvon de tiu granda problemo. Partoprenantoj el Ĉehoslovakio, GDR kaj Pollando rakontis pri sia sperto en tiu sfero.

Konferènco de la poligrafiaj sindikatoj

En Budapeŝto okazis la Kvina konsult-konferenco de la sindikatoj de laboristoj el la poligrafia industrio. Ĉeestis reprezentantoj de 65 organizaĵoj el 58 landoj de ĉiuj kontinentoj. Estis traktitaj gravaj problemoj pri la laborkondiĉoj en la grafikaj entreprenoj, la sociala stato de la grafikaj laboristoj, la enkonduko de elektronika kaj mikroelektronika ekipigo de la poligrafia industrio ktp.



La plej granda poligrafia kombinato
de Hungario

La unua afro-araba dialogo

La federacio de arabaj ĵurnalistoj kaj la Unuiĝo de afrikaj ĵurnalistoj organizis konferencon pri interŝanĝo de spertoj kaj establigo de aktiva kaj firma kunlaborado. Ĉeestis ankaŭ reprezentantoj de UNESKO, Araba Ligo, Internacia Organizaĵo de Ĵurnalistoj kaj Federacio de latinamerikaj ĵurnalistoj.

La dialogo pasis sub la slogano: "Libereco kaj respondeco".

La Naŭa kongreso de IOĴ okazos
aŭtune 1981 en Moskvo, USSR.

La Estraro de la Internacia Organizaĵo de Ĵurnalistoj deci-

dis, ke la Naŭa kongreso de la organizaĵo okazu aŭtune 1981 en Moskvo, USSR. Oni kunvokas la kongreson en momento, kiam estos celebrata la 35-a jubileo de IOĴ, sukcesinta organizi pli ol 150 000 profesiajn membrojn, laborantajn en la gazetaro, radio kaj televido, en diversaj presagentejoj de diversaj landoj de la mondo.

Oni invitas la landajn organizaĵojn kaj individuajn membrojn helpi la Estraron de IOĴ en la preparlaboroj por la kongreso laŭ iliaj ebloj. La Naŭa kongreso de IOĴ kontribuos al la decido de la sopiroj de la popoloj pri libera interŝanĝo de ekonomiaj, kulturaj, sciencaj kaj sportaj aktivecoj, pri la evoluigo de la komunikrimedoj, pri defendo de la tutmonda paco.

R e d a k c i a p o ŝ t o

- N.Andrianova, Kiev, USSR. Dankon pri la kontribuaĵoj.Via peto plenumata.
- N.Kavenius, Turku, Finnlando. Ni atendas de Vi kontribuaĵojn kaj aktiviĝon.

- - o o - -

LA REDAKCIO DE "INTERNACIA ĴURNALISTO" PETAS LA REDAKCIOJN DE ESPERANTAJ KAJ NE ESPERANTAJ ELDONAĴOJ SENDI INTERŜANĜE SIAJN ELDONAĴOJN NUR AL LA ADRESO DE LA ĈEFREDAKTORO DE NIA ORGANO. ĜI ESTAS SUBE SUR LA LASTA PAĜO DE "I.Ĵ."

- - o o - -

GRAVA PETO

La Estraro de TEĴA kaj la redakcio de "Int.Ĵurnalisto" treege petas ĉiujn membrojn kaj abonantojn de nia presorgano tuj sendi al la redakcio (al la adreso de la ĉefredaktoro) simplan aŭ ilustritan poŝtkarton, per kiu ili informu la redakcion ĉu ili ricevas regule la organon kaj ĉu iliaj adresoj estas precizaj. Anticipan dankon!

- - o o - -

ESTIMATAJ MEMBROJ DE TEĴA KAJ ABONANTOJ DE "IĴ", ĈU VI TROVIS MANIERON PAGI VIAN MEMBROKOTIZON AŬ ABONKOTIZON - EGALE ESTAS - DE TEĴA KAJ "IĴ"? SE NE ANKORAŬ, NI PETAS NEPRE FARU TION. PAGEBLAS ANKAŬ PER LIBROJ, RK KAJ ALIMANIERE. NI ATENDAS.

- - - o o o - - -

RICEVITAJ ESPERANTAĴOJ.

- Informa bulteno, 2-3 (9-10), Moskvo, 1981. Organiza bulteno de la Asocio de sovetaj esperantistoj. En rusa lingvo, 32-paĝa. Adreso: USSR, 103009 Moskva, Prospekt Kalinina 14, por la Informa bulteno.

Bulgara Fervojisto. Informoj de Fervojista Esperantista Sekcio de BEA, 2/1981.

1300 jaroj de la Bulgara ŝtato. Kolekto de prelegoj, faritaj en la jubilea sciencpraktika konferenco esperantista. 29-31 de majo 1981, Ŝumen, 96 p. Eldonis: Distrikta Estraro de BEA, Ŝumen.

La medicino dum 1300 jara historio de Bulgario. Sub la redakcio de prof. d-o K.Popov kaj doc. M.Apostolov, 97 p. Eldonis: Bulgara Esperantista Asocio okaze de la III-a Internacia Medicina Esperanto-Konferenco, 15-19 de julio 1981 - Ruse.

Konferenca programo kaj adresaro de la III-a Internacia Medicina Esperanto-Konferenco, 15-19 de julio 1981 - Ruse, 23 p.

Anekdotoj pri Gabrovanoj. Tradukis Neno Janev, redaktis Georgi Dolapĉiev. 1981, 28 p.

E S T R A R O  D E  T E Ĵ A

Prezidanto - Olav Thormodsen Box 59,5501 Haugesund,Norvegio.

Vicprezidantoj:
Ivan Keremidĉiev-Esperov, kv. "Borovo" bl.219,B,1680 Sofia, Bulgario.Samtempe ĉefredaktoro.

Tadros Megali, D-8381 Rossenbach, Untergrafendorf, F.R. Germanio.

Nikolaj Danovskij 226014 Riga 14, ul."Ostrovskago" 4-4 A, USSR.

Ĝenerala sekretario kaj kasisto: Dino Fabris, Borgo Rossano 5, Cittadella (Padova), Italio.

Membroj-estraranoj:
Donĉo Hitrov, 1000 Sofia, ul. "Asparuh" 61, Bulgario

---

Ĉefredaktoro: Ivan Keremidĉiev-Esperov, 1680 Sofia, kv."Borovo", bl. 219, B, Bulgario. tel. 56-58-77

Redaktoroj: Nikola Aleksiev, Krâstju Karucin.